# AktivAmeriko

UEA-Komisiono por Ameriko

http://www.ameriko.org Novaĵletero N-ro 11, decembro 2003


***Karaj Legantoj,***

*La internaciaj eventoj rapide ŝanĝ(ig)as la vizaĝon de la mondo. La Esperanto-movado estas kaj parto, kaj produkto de tiu procezo kaj ankaŭ ene de ĝi estas gravaj okazaĵoj. Estas parto de nia tasko prezenti al vi, pere de tiu ĉi bulteno, profilon de la Movado en nia kontinento. Ne forgesu informi nin pri novaĵoj por aperigi ilin en nia venonta julia numero.*

*Ni esperas vidi vin en la 6-a Tutamerika Kongreso de Esperanto okazonta de la 21-a ĝis la 27-a de marto.*

*Feliĉan kaj fruktodonan Novan Jaron !*

*Ĉiam antaŭen!*

*La Redaktoro*

## 6-a Tutamerika Kongreso de Esperanto

***21a - 27a de marto 2004***
***Havano, Kubo***

***Bonvenon al Havano!***

Informoj pri la 6-a Tutamerika Kongreso de Esperanto estas haveblas en la adreso:

`http://www.ameriko.org/dok/take6.htm`

Vi povas komuniki ankaŭ per la poŝta adreso:

6-a Tutamerika Kongreso de Esperanto
Postfako 5120
CU-10500 Havano
Kubo
Telefono: ++53(7)40 4484;
Fakso: ++53(7)33 8729

La elektronika adreso estas:

`kubesp@enet.cu.`

TAKE okazos en la *Internacia Gazetara Centro (Havano)*. La kongresa temo estas *Kia Esperanto-Movado por Ameriko?*

Partoprenu multnombre en tiu ĉi grava Esperanto-aranĝo de nia kontinento !

**Esperantomobilo: Speciala projekto de Amerika Komisiono de UEA**

Kunlabore kun UEA/TEJO, Amerika komisiono, ELNA/USEJ (Usono), ESK/KEJO (Kebekio, Kanado) kaj E@I (Esperanto@Interreto), ni prezentas al vi la novan projekton, *Esperantomobilo*. Ĝi konsistas el teamo de 6 esperantistoj (3 geusonanoj kaj 3 gerusoj), kiuj vojaĝos tra Ameriko instruante Esperanton. Komence ili trairos Kanadon kaj Usonon kaj post evaluado de la projekto, ili daŭrigos al Meksiko kaj suden. La komenciĝo de la vojaĝo estas planata por la 20-a de junio 2004 en Bostono, Usono. Pli da informoj ĉe:

http://www.esperantomobilo.org/
http://www.ameriko.org/dok/esperantomobilo.htm

## Postpostkongresaj impresoj

**José VERGARA**
Ĉilio

Mia partopreno en la 88-a Universala Kongreso de Esperanto okazis i.a. danke al Fondaĵo Ameriko, kiu bonvole pagis la aliĝkotizon por mi dum la frua (do plej malmultekosta) aliĝperiodo. Kvankam temas pri sumo ne tro granda kompare al la altaj vojaĝkostoj kiuj okazigis truegon en miaj personaj financoj, mi alte taksas helpon tian kaj esperas ke tiu subteno plu daŭros por faciligi la partoprenon de aliaj samkontinentanoj en la plej grava kaj neforgesebla festivalo (kultura,

movadorganiza, faka, kleriga, ktp) de nia komunumo.

Kiel kutime ĉe UK-oj, ĉi-foje ni amerikanoj denove malmultis. Ne surprize, la ekonomipotenca diferenco (ĉar ne nur geografia) inter la loĝantoj de la Norda kaj Malnorda partoj de nia kontinento esprimiĝis per la aliĝnombroj, kiuj eble ankaŭ spegulis la fortecon/viglecon de la respektiva landa movado.

Tial ke jam temas pri mia kvara UK (post Havano 1990, Montpellier 1998 kaj Fortaleza 2002), mi rimarkis ke nia lingva komunumo fakte estas (aŭ funkcias kiel) ia malgranda "rondo familia". Mi retrovis plurajn homojn jam antaŭe viditajn, kio kompreneble estas io agrabla (ekz. senti la bonkorecon de nia Atiljo kaj la simpation de la ĉiamaj du kubaninoj) sed samtempe maltrankviliga (ĉu entute venas novaj homoj en la komunumon ?). Nu, dum la fermo pluraj infanoj bele salutis la Kongreson, kio ja estas esperiga.

La programo estis abunda, bunta kaj laciga, ĉar oni preskaŭ ĉiam devis selekti inter samtempaj valoraj okazaĵoj. Mia impreso pri la konduto de la partoprenantoj estas ke la homoj volas simple ĝui la lingvon kaj ties komunikeblecojn, sed samtempe emas kapti la diversajn proponojn de nia kulturo, kaj serioze interesiĝas pri la stato kaj estonteco de la lingvo mem kaj de niaj institucioj.

Salutante nome de mia lando la kongresanojn dum la Solena Malfermo, mi ne povis ne memori pri mia samlandano kaj samprofesiulo (kuracisto) D-ro Estanislao Fraga, unua ĉilia esperantisto kiu iam ajn partoprenis Universalan Kongreson (Antverpeno 1911). Tiu ĉi lasta UK plifortigis mian konvinkiĝon pri la valoro de nia intergenta, vivanta (plan)lingvo.

## La 51-a Landa Kongreso de ELNA kaj la 33-a Nordamerika Somera Kursaro de Esperanto en la sperto de dominikano

***Rafael DESPRADEL***
***Dominiko***

Tiun ĉi jaron la Amerika Komisiono (AK) de Universala Esperanto-Asocio (UEA) ebligis al mi ĉeesti la du plej gravajn usonajn Esperantajn aranĝojn: la 51-a landa kongreso de Esperantista Ligo de Norda Ameriko (ELNA) kaj la 33-a Nord-Amerika Somera Kursaro de Esperanto (NASK), mondkonata Esperanto-klerigejo. Por la unua fojo, juna dominikano havis la eblecon vojaĝi al Usono ne nur por partopreni kongresan aranĝon sed ankaŭ por perfektigi sian Esperanton. Tiu unumonata vojaĝo, kiu okazis inter la 1-a kaj la 26-a de julio 2003, estis ebla dank'al la subteno de pluraj Esperanto-organizoj kaj sindonemaj unuopaj Esperantistoj sen kies helpo ĝi ne okazus.

### *51-a Landa Kongreso de ELNA*

ELNA estas naciskala asocio de usonaj esperantistoj kiu havas kiel celon uzi kaj popularigi Esperanton kiel rimedon por solvi la mondan lingvoproblemon. Ĝi estas Landa Asocio de UEA kaj ĉefa motoro de la Esperanto-Movado de tiu granda nordamerika lando.

Kiel la plejmulto de Landaj Asocioj de UEA, ankaŭ ELNA organizas kongreson ĉiun jaron. La ĉijara landa kongreso de ELNA okazis en Cambridge, Massachusetts, ĉe la sidejo de la mondfama *Massachusetts Technical Institute* (MIT) de la 3-a ĝis la 6-a de julio kaj gastigis dekojn da geesperantistoj el Usono kaj aliaj landoj. Ni kongresis en mirinda etoso dum semajnfino plena je prezentaĵoj, diskutoj, muziko kaj amikeco.

La 3-an de julio mi rajtis ĉeesti la longegan tuttagan ELNA-estrarkunsidon. Tio permesis al mi ne nur lerni kiamaniere okazas tiaj kunsidoj sed ankaŭ multe ekscii kaj pri la strategioj kaj politikoj de grandaj Esperanto-organizoj kiel ELNA kaj pri ĝiaj projektoj.

Dum la kongreso oni petis de mi prelegi pri la Amerika Komisiono de UEA kaj pri mia lando. Mi tion faris la 5-an de julio. Dum la unua parto de mia unuhora prelego mi enkonduke parolis pri nia Komisiono, ĝia funkciado kaj ĝiaj projektoj, precipe pri la furoraj projektoj NESTO kaj KORE. Poste mi parolis pri mia lando, ekspoziciis plurajn dominikanaĵojn, montris kelkajn televidreklamojn pri diversaj urboj el mia lando kaj aŭskultigis dominikan muzikon al la ĉeestantoj. Je la fino de mia prelego, la publiko havis la eblecon gustumi diversajn naciajn dolĉaĵojn.

Dum la lasta vespero okazis aŭkcio kaj bankedo. Mi estis unu el la aŭkciantoj kaj je la fino de tiu programero multaj gratulis min pro mia elstara – sed tamen ne atendita kaj neprofesia- laboro. Mi donacis al ELNA kelkajn tradiciajn aĵojn el mia lando kiujn mi kunportis kaj ili bone vendiĝis.

*33-a Nordamerika Somera Kursaro de Esperanto*

Norda Amerika Somera Kursaro de Esperanto (NASK) estas sendube la plej fama Esperanto-klerigejo en la mondo. Ĝi okazas de jam pli ol 30 jaroj dank'al la volo kaj mona subteno de s-rino Cathy SCHULZE. Mondfamaj instruistoj el pluraj landoj respondecas pri instruado al dekoj da homoj, kiuj ĉiujare kunpartoprenas ĝin.

La ĉijara NASK okazis ĉe *School for International Training* (SIT), meze de bela montara regiono en la urbo Brattleboro, ŝtato Vermonto. Dum tri semajnoj mi havis la eblecon plibonigi miajn sciojn pri Esperanto kaj konatiĝi kun multaj interesaj homoj en tre alloga etoso.

Tiun ĉi jaron la kunordigantoj de NASK organizis tri malsamajn Esperanto-kursojn: elementa, meznivela kaj supera. Instruis ĉi-jare Lee MILLER (Usono), Paul GUBBINS (Britio) kaj Spomenka STIMEC (Kroatio), respektive.

Dank'al miaj sciojn pri Esperanto, mi rajtis ĉeesti la superan kurson kune kun deko da aliaj lernantoj el Usono, Danio, Kanado kaj Japanio. Dum tiu kurso, kiu okazis matene dum tri horoj ni lernegis pri la historio de la Esperanto-Movado kaj ĝia literaturo. Nia instruistino, Spomenka STIMEC, famkonata verkisto kaj instruisto, brile instruis al ni pri multaj aferoj kiujn mi ne sciis. Mi eĉ ne povis imagi kiom granda kaj bunta estas nia literaturo. Dank'al la profundaj konoj de s-rino STIMEC mi malkovris ne nur la vivon sed eĉ multajn interesajn detalojn de famegaj samideanoj kiel Tibor SEKELJ kaj Ivo LAPENNA. Pere de la Esperanta-literaturo, ni vojaĝadis al pluraj historiaj epokoj kaj landoj. Ni malkovris la vivon de Babilonio, vagadis tra la Amazonia arbaro, ĉeestis la unuan Universalan Kongreson de Esperanto en Bulonjo-ĉe-Maro.

Dum tiu kursaro mi havis la eblecon kunvivi kun elstaraj esperantistoj el Usono kaj aliaj landoj, kiel Dori VALLON-WHEELER, la sola kiu partoprenis ĉiujn 31 kursarojn. Venis al ni ankaw eksteraj prelegantoj, inter ili Humphrey TONKIN, kiu brile parolis pri lia lasta verko (traduko de la libro de William Shakespeare, 'Henriko la Kvina'). Ĉiuvespere okazis programoj, kiujn prezentis ĉefe studentoj mem. El inter ili la plej popularaj estis Internacia Poezia Vespero, japana pentroarto kaj teatraĵo de Paul GUBBINS. La tagbulteno "NASKa Fasko," kiun bonege redaktis Tim WESTOVER, fariĝis tiom populara ke ĉiuj post la matenmanĝo tuj serĉis ĝin por tralegi interesajn artikolojn kaj originalajn verketojn kaj ankaŭ informiĝi pri diversaj detaloj pri la programo.

Mi havis la okazon prelegi ankaŭ dum NASK 2003. Mi prelegis enkonduke pri mia lando kaj poste pri la karnavalfesto de urbo La Vega, unu el la plej belaj karnavaloj en la Karibea regiono. Mi projekciis lumbildojn kaj krome, mi aŭskultigis muzikon kaj eĉ dancis dominikane!

Mi volas danki al s-ro Jacob SCHWARTZ ĉar li permesis al mi tranokti en sia hejmo al la instruistino s-ino Spomenka STIMEC, al s-ino Lee MILLER kaj s-ino Ellen EDDY. Mi dankas ankaŭ al la donacinto de mia flugo al Usono, al *Esperantic Studies Foundation*, al la Amerika Komisiono de UEA kaj al ĉiu kiu ebligis mian partoprenon en tiuj Esperantaj someraj aranĝoj.

### *Informo de Projekto NESTO*

***Adonis SALIBA***
***Komisionestro AK/UEA***

Projekto NESTO jam ekzistas de 6 monatoj. Vivu longe!

Plena sukceso kaj impresaj nombroj... Pli ol 400 aliĝintoj, 90 instruistoj, 40 landoj. Se vi volas scii pli, vi nepre vizitu la pdf-dosieron kie la 5-paĝa raporto detaligas kaj grafike elmontras la evoluon de tiu projekto de Amerika Komisiono de UEA kaj Amerika Oficejo. Jen la retadreso:

http://www.ameriko.org/dok/eo/pn-raporto01.pdf

### *Esperanto-dokumento en la hispana*

*Renato CORSETTI*
*UEA*

Jam estas akirebla hispanlingva traduko de la Esperanto-dokumento 37E: Internaciaj lingvoj kaj internaciaj homaj rajtoj, de Robert Phillipson. La traduko estis prizorgita de Jorge Luis Gutiérrez de la Meksika Esperanto-Federacio, el kies ttt-paĝaro ĝi estas elŝutebla kiel dokumento en PDF. Trovu ĝin tra:

http://www.tejo.org/uea/Lingvaj_Homaj_Rajtoj

## Novaĵoj:

### *Nova oficejo de Amerika Komisiono*

**Brazilo**
**Adonis SALIBA**

Ekde la 1-a de aŭgusto la oficejo Amerika Komisiono de UEA funkcias en San-Paŭlo, Brazilo en la jena adreso:

Rua Faustolo, 124
Lapa
São Paulo (SP)
Brazilo - CEP 05041-000
tel./fakso: (011)-3862-1183
retadreso: oficejo@ameriko.org

Oficiala publika listo por diskonigoj:

`ameriko@yahoogroups.com`

Subskriboj al la listo:

`ameriko-subscribe@yahoogroups.com`

Deĵorhoroj: 14-18h ĉiutage (volontuloj deĵoras dum tiuj horoj por informi pri Esperanto).

### *Esperanto ĉe l'Arkadoj II*

**Brazilo**
**Luis Carlos RUSILO**

Okazis la 10an de oktobro, 2003, la dua eldono de "Esperanto ĉe l'Arkadoj", en la jura fakultado de Placo San-Francisko, fondinta en 1827 en la ŝtato San-Paŭlo, Brazilo, kie triono de la prezidantoj de Brazila Respubliko studis.

Dum ok horoj, la studentoj de la jura fakultato FD-USP kaj de aliaj fakultatoj, esperantistoj kaj interesatoj eĉ de aliaj urboj ĝuis aron da portugallingvaj prelegoj sub la temo "Lingvaj Bariloj kaj Monda Ordo: problemoj kaj eblaj alternativoj por monda komunikado". Organizis ĝin D-ro Luiz Carlos Rusilo kune kun Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP) kaj Amerika Komisiono de UEA (AK-UEA).

Pliaj informoj ĉe:
http://www.ameriko.org/easp/eventoj/arkadoj.htm

### *Zamenhoffesto ne kiel aliaj…*

**Kanado**
**Kathy TOY**

Ekde 2000, la Esperanto-Rondo de Toronto komencis pli festan Zamenhoffeston. Ĉiuj konsentis, ke dum ni ŝatas prelegojn kaj lernadon, ankaŭ muziko, ludoj kaj manĝaĵoj havas lokon en nia Esperanta vivo. Kial ne por honori Zamenhof? Tiel ni luis grandan ĉambron kun kuirejo dum la pasintaj tri jaroj (ni denove faris ĉijare) kaj invitas partopreni ĉiujn, kiuj volas kaj povas ĉeesti Zamenhoffeston 2003 en la urbcentro de Toronto, Kanado.

Ni ne havas tagordon; la festo progresas laŭ la animo de la festo. Kutime ni kantas, muzikludas, skeĉumas, ludas kart- aŭ aliajn ludojn, havas konversaciajn angulojn -- aŭ ĉio samtempe. Kaj ne forgesu la manĝadon! Ĉiuj kunportas siajn plej ŝatatajn manĝaĵon por dividi kaj, tiel, ni havas interesan internacian bufedon. Nepre ni havas kukon, kiun ni nomas la nacian manĝaĵon de Esperantio!

Nu, mi esperas, ke vi iam povos viziti nin kaj ke vi havos vian propran Zamenhofan feston. Feliĉan kaj sanan novjaron!

### *Studentoj sukcesas en Paragvajo*

**Paragvajo**
**Lili SAMUDIO**

Tridek lernantoj ricevis diplomojn pro sia partopreno en E-kurso en la urbo Yataity del Norte. Mi dankas Prof-inon Deloinda VERA LÓPEZ, kiu instruis min kaj nun estas mi, kies studentoj finas komencan etapon de E-lernado.


**AktivAmeriko**

Novaĵletero de UEA-Komisiono por Ameriko aperas dufoje en la jaro (junio kaj decembro)

*Redaktoro*
*Jorge Antonio LEONI DE LEÓN*
*✉: Apartado 7603, San José-1000, Kosta-Riko.*
*☎: +506 262 2853*
*🖷: +506 231 1138*
*💻: redaktoro@ameriko.org*

*

*UEA-komisiito por Ameriko*
*D-ro Adonis Marcelo SALIBA SILVA*
✉: R. Corinto, 543-apt, 81, São Paulo (SP), Brazilo.
☎🖷: +55 (11) 3725 1206
💻: ak@ameriko.org

*

UEA-KOMISIONO POR AMERIKO

*UEA-estrarano (Landa Agado)*
Michela LIPARI (Romo, IT)
*Kunordiganto de kontinentaj komisionoj kaj respondeculo pri Amerika Fondaĵo*
Atilio Orellana Rojas (Den Haag, NL)
fondaĵo@ameriko.org
Argentino
Rubén Sánchez (Neuquén)
argentino@ameriko.org
Brazilo
Maurício SIGNORINI P. De ALMEIDA
(São José do Rio Preto)
brazilo@ameriko.org
Ĉilio
José Antonio VERGARA (Puerto Montt)
ĉilio@ameriko.org
Dominika Respubliko
Rafael DESPRADEL (Santiago)
dominika@amerika.org
Honduraso
Elmer ESCOTO (San Pedro Sula)
honduraso@ameriko.org
Kanado
Richard PIPER (Québec)
kanado@ameriko.org
Kolombio
Ricardo CARRILLO CALDERÓN (Bogotá)
kolombio@ameriko.org
Kosta-Riko
Hugo MORA POLTRONIERI (San José)
kostariko@ameriko.org
Kubo
Juan Ramón RODRÍGUEZ (La Habana)
kubo@ameriko.org
Meksiko
Leandro GARCÍA (Oaxaca)
meksiko@ameriko.org
Usono
Natalie SERA (Reno)
usono@ameriko.org
Venezuelo
Juan Eduardo BACHRICH (Caracas)
venezuelo@ameriko.org